# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj




**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**

**PLENUMITA 22/08/2019 Kvarcentkvardeka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

## Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.

## Legu tiujn kiuj interesas vin

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 843,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **310,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **294,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **239,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



*(Marcel naskiĝis 4-an de Decembro 1917)*



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.82




Grava regulo de la uzo de predikativo estas, ke ĝi neniam povas havi la akuzativon, ĉar ĝi ne estas la Objekto de la propozicio. Do "La vetero fariĝos PLUVA". Alia grava regulo estas, ke teorie ĉiam, sed praktike nur limigite, oni povas ŝanĝi la tutan predikativan predikaton (ekz. "Ŝi ESTAS FLEGISTINO") al unu verbo ("Ŝi flegistas"), kaj "Li iĝis redaktoro" > "Li redaktoriĝis". Ankaŭ menciendas la fakto ke, pro la forlaso de la helpverba "estanta" ĉiu ajn verbo povas fariĝi helpverbo, kiel en "Ŝi dancas nuda", el "Ŝi dancas estante nuda".

En $175 PAG. klarigas kion ili nomas la "nerekta predikativo". Ĝi uzas la adverbon "kiel", sed ne kiel adverbon sed kiel "ligilon". Ĝia uzo kiel ligilo ĉe la predikativo estas tre evitinda eŭropaĵo kontraŭregula, sed Zamenhof uzis ĝin tiel ofte, pro la eŭropaj lingvoj (as, als, comme, come). "Kiel" estas adverbo, kaj kiel tia uzatas AŬ kiel demandvorto (Kiel ci fartas?) AŬ ĉe komparoj ("La knabino kantas (tiel aŭ tiel bone) kiel (kantas) ŝia patrino"). Ĉar ĝi ne funkcias enkonduki predikativon, ĝi ĉe objekto ĉiam enkondukas la akuzativon: "Ni elektis lin kiel sekretarioN". Anstataŭ uzi "kiel" konsilindas ĉiam uzi "esti" (aŭ estinte): "Ni elektis lin (esti) kasisto". *Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.

La 17a de aŭgusto estis la tria sabato. Venis Roger Springer, John Casey kaj Ian Wylles

*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# MITTENWALD EN BAVARIO

Laŭ la Wikipedia: Mittenwald estas komunumo en Germanio. Ĝi troviĝas en la distrikto GarmischPartenkirchen de la federacia lando Bavario. Fine de decembro 2017 la komunumo havis 7 387 loĝantojn. La rivero Isar trafluas ĝin. Mittenwald havas longan historion pri produktado de violonoj kaj posedas muzeon pri tiu temo.

Dum nia vizito al Germanio en junio, mia edzino kaj mi iris al Bavario kaj en la tempo kiam ni estis tie, ni vizitis Mittenwald. Ne estis la unua fojo ke ni ĉeestis tie, ĉar ĉiu fojo ni tre ĝuas ĉirkaŭvagi en ĝi.






Ĝi estas tre bela urbeto kiu troviĝas en loko ĉirkaŭata de imponaj montoj. La mezo de la urbo estas speciale bela. Ĝi estas, kompreneble, piedira regiono tra kiu fluas tre eta rivereto (ne la ĉefa rivero, la Isar). Ĉi tie en Aŭstralio tia tute ne estus permesata pro "Health and Safety!" sed en Eŭropo tia ne estas malofta vidaĵo. Ŝajnas ke en Eŭropo la loĝantoj estas iom pli lertaj ol ĉi tieaj ĉar mi ne vidis ke eĉ unu personoj stumblis en ĝin.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*



Multaj el la konstruaĵoj montras ĉarmajn bildojn pri diversaj temoj sur la muro. La preĝejo de Sankta Paul kaj Sankta Peter ĉe la centro de la urbo estas ankaŭ bele pentrita. La interno estas senspiriga pro sia baroka beleco kaj ĉarmo.

Ni meztagmanĝis ĉe manĝejo ĉe la piedira zono, apud la rivereto, kaj ankoraŭ foje, ni sukcesis ne stumbli en la akvon malgraŭ ke ekzistas nek gardiloj nek ŝildoj de averto!

Proksime al la urbocentro estas la kuracloko (Kurpark) kun beleta lago kaj ĝardenoj. Kiam ni estas tie ĵus finiĝis koncerto kiun ni bedaŭrinde maltrafis. La hejmurbanoj estis vestitaj tradicie por la vizitado de la koncerto. La virinoj kaj junulinoj portis siajn "Dirndln" kaj la viroj kaj junuliĉoj (aŭ se vi preferas, "virjunuloj") siajn pantalonojn el ledo kaj siajn ŝelkojn.



Estis tre agrable renovigi nian konon de tia bela loko. *Doug Eising*






Esperantistoj de la BES kunvenis la antaŭan sabaton ĉe la Brisbana Biblioteko. Ni diskutis la artikolon pri la vizito de nia prezidanto Doug Eising al *Mittenwald* *Peter Danzer*





**Uzu Esperantajn literojn Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ** *David Ryan* NZ

http://www.esperanto.org.nz/learn-and-use-esperanto/how-to-type-esperanto-characters/



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***



*(Marcel naskiĝis 4-an de Decembro 1917)*

# La pluvo ploras, ne mia ĝardeno.

## KIEL ESPERANTO EVOLUU ?

De tempo al tempo Esperantistoj mencias, ke Esperanto devas evolui same kiel la etnaj lingvoj evoluas.

Mi demandas min kaj ilin, en kio do konsistas tiu evoluo? Evolui en si mem signifas nur ŝanĝiĝadon pro naturaj influoj kaj fortoj. Pliboniĝo ne necese estas inkluzivita, nek pligrandiĝo. Se oni studas la historion de la lingvoj, oni konstatas, ke la ŝanĝiĝoj estas bonaj kaj malbonaj, sed ĝenerale nek unu nek la alia. Ili estas neintencitaj, hazardaj, kapricaj, kaj tute ne necesaj. Nur relative malmultaj vortoj kaj esprimoj novaj aldoniĝas por novaj inventoj. La evoluo de la lingvoj estas KAJ la nenecesaj ŝanĝoj KAJ la kelkaj precipe teĥnikaj sed ankaŭ kulturaj antaŭe nekonataj.

Do ĉu la evoluo de Esperanto devas imiti la kapricajn nebezonatajn ŝanĝojn longtempajn de la etnaj lingvoj? Nepre ne! Korekti la kelkajn erarojn faritajn de Zamenhof (kiu NE faras erarojn en tia genia laborego?) ne povas nomati evoluo.

El la lingva evoluado restas do nur la relative malmultaj aldonoj al Esperanto , kion oni povas nomi evoluo, se oni nepre volas.



Mia dua demando al mi mem kaj al vi estas , ĉu tiu evolueto, tiu aldono de novaj vortoj por novaj teĥnikaĵoj, devas vere esti sama al tiu por la etnaj lingvoj?

Mi ree respondas: "Tute ne!" Esperanto estas artefarita lingvo, necese, por esti pli bona ol la etnaj por internacia uzo, kaj ĝia relative malgranda kreo de novaj vortoj devas same esti artefarita, t.e. sub la fiksitaj reguloj de la Esperanta vortfarado. Se tio ne okazus, la kapriceco komencus ĥaoson en la lingvo, kaj malaperus la klareco, la senescepteco, la logikeco, kaj la facillerneblo.

La artefariteco de KAJ la gramatiko KAJ la vortfarado de Esperanto ja baziĝas sur necese neŝanĝeblaj reguloj, i.a. tiu, ke oni kreas novajn vortojn, kiel oni kreis multegajn vortojn en la komenco, por novaj nocioj per la genia vortkunmetado, bazita sur senesceptaj aglutinaj reguloj, inkluzive de la derivado, kiu en Esperanto estas ankaŭ vortkunmetado pro la genia decido de Zamenhof, ke afiksoj estas sendependaj radikoj.

Ne estas bezono balasti la lingvon per abomenindaj fremdaj neologismoj, kion faradas, ofte por jam ekzistantaj vortoj oficialaj ("olda"!), la mallaboremaj nekompetentaj verkistoj nomantaj sin Esperantistoj sed estantaj vere adeptoj de iu *Basic Anglofrench.*

*Marcel Leereveld.*

## LA SIGNIFOVASTECO ĈE VORTPLUFORMADO .

Ĝenerale, kaj nature, aglutine aŭ analize, nove farita vorto havas pli vastan kaj malpli ekzaktan signifon ol nepluformita vorto aŭ esprimo. Ekz. "vortaro" povas signifi "grupo de vortoj" aŭ "ĉiuj vortoj" aŭ "libro de certaj iuj vortoj" ekz. por infanoj aŭ "libro de vortoj kun ilia traduko en alian lingvon", kaj pluraj aliaj nuancoj. La samo okazas en etnaj lingvoj: la germana *Wörterbuch* ("vortojlibro") povus signifi "libro kun grupo de vortoj" (ekz. por infanoj), aŭ "libro kun ĉiuj vortoj de unu lingvo" aŭ "libro kun la germanaj vortoj kun sia traduko en

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

alian lingvon". Kaj la franca "*chemin de fer*" povus signifi "vojo farita de fero (anstataŭ asfalto)" aŭ "vojo uzata por transporti feron el minejo" aŭ "vojo konsistanta el feraj reloj por vagonaroj" ktp. Anstataŭ la vortkunmetaĵoj (en la aglutinaj lingvoj) aŭ la vortkombinaĵoj (en la franca, k.t.p.) la originaj prepozitivaj esprimoj estas pli precizaj: "Aro de la vortoj kun sia traduko" kaj "Vojo de reloj por vagonaro" kaj "Aktaĵo por la teatro" aŭ "Peco de la teatrejo" anstataŭ "*une pi'ece de th'e'atre*".



Malgraŭ la perdo de signifoprecizeco la lingvoj tamen kreas novajn vortojn kunmetitajn aŭ kombinitajn, ĉar la solvo estas facila. Kio okazas estas la jeno. Unu persono devas esti la unua kiu uzas la novan vortkombinon, por nova nocio. Tiu persono samtempe donas al la nova esprimo, ofte subkonscie, ĝian celitan signifonuancon kaj la postaj uzantoj aŭtomate akceptas ĝin tia. En Esperanto oni poste ne povas ŝanĝi tiun nuancon, kompreneble, kaj en etnaj lingvoj tio okazas tre malofte, ekz. en la angla la origine kreita "debatebla" ricevis unue la ĝustan signifon de "necerta", sed oni nun, almenaŭ en Aŭstralio, uzas tiun vorton kun la kontraŭa signifo de "certa".

En Esperanto multaj kunmetaĵoj faratis de Zamenhof, kiu do donis al ili la de li celitan nuancon. Tiel li kreis la vorton "vortaro" kun la specifa signifonuanco "Libro kun vortoj kun sia traduko en alian lingvon" nenioiganta ĉiujn aliajn nuancojn. Kiam ni nun kreas novajn kunmetaĵojn ni faras la samon, ofte subkonscie. Do ĉe ekz. "interreto" ni aŭtomate akceptas ĝian signifonuancon, ja en komputiloj, kaj ne ekz. la nuancon "homoj kiuj iel interrilatas".

*Marcel Leereveld.*

## NIA KULTURO ?

Mi ĵus legis en ĵurnalo artikolon de konata virino, kiu plendas pri la tipe aŭstralia kulturaĵo, precipe inter viroj, kiu laŭdante konsistas en mizogino kaj perforteco kontraŭ aliaj personoj, kaj precipe kontraŭ virinoj. Tiu kulturaĵo reprezentatas i.a. en televidoprogramoj kiaj la tre popularaj *You Wouldn't Be Dead for Quids* kaj la *ABC-a Les Norton.*

Tiu ("*ocker*") kulturaĵo estas AŬ moderna kaj ankaŭ en Nederlando, aŭ nemoderna kaj nenederlanda. Mi ja neniam renkontis ĝin en mia vivo en Nederlando, kaj la sola okazo en mia vivo kie mi estis perforte traktata faratis al mi de kelkaj aŭstraliaj Esperantistoj, antaŭ deko da jaroj.

Mia nura sperto tia en Nederlando estis la rakontoj kiuj retrovenis el Indonezio pri la kruela maniero per kiu la nederlandaj soldatoj traktis la nearmeajn indonezianojn.

*Marcel.*








La Templo de Bona Volo

**TBV, ĈIES DOMO!**

La 21-an de Oktobro 2019, la Piramido de Paco, kiel ankaŭ ĝi estas konata, celebros sian 30-jariĝon!

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***